‚Mutig vorwärts!‘

# Aŭstria Esperantisto

‚Kuraĝe antaŭen‘

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 6 Monata Junio 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

„**Internationale Sprachnormung in der Technik**“ von Dr. Ing. Eugen Wüster. Besprechung veröffentlicht von Meillet, Professor der vergleichenden Sprachwissenschaft an der Pariser Universität Sorbonne.

„Wenn jemand den Kontrast fühlen muß zwischen der Einheitlichkeit der modernen Zivilisation und der Mannigfaltigkeit der vielen Sprachen, die ihr als Organe dienen, sind es die Techniker. Daran gewöhnt, gleiche Tätigkeit auf dieselben wissenschaftlichen Tatsachen zu stützen, empfinden sie den Umstand, daß Menschen, die die Technik ausüben, sich verschiedener Sprachen und Fachausdrücke bedienen, als eine absurde Beengung. Die Mühe, die der Gelehrte darauf verwendet, eine Sprache zu erlernen, bringt ihm Freuden ein, die er ohne sie nicht hätte. Die Mühe aber, die der Techniker für dieselbe Sache verwendet, ist ihm unnütze Arbeit, die er sich zu ersparen wünscht. Da man dem nicht abzuhelfen weiß, fügt man sich gewöhnlich darein. Herr E. Wüster, der die Frage gründlich studiert und sich an den besten Quellen informiert hat, führt immer bei passender Gelegenheit die maßgebendsten Linguisten an. Die Kritik, die Herr Wüster an den jetzigen Sprachen übt, Seite 11—120, ist umso lehrreicher, da sie nicht von einem Linguisten kommt, sondern von einem Menschen, der die Sprache praktisch gebraucht. Was zum Beispiel Seite 95 gesagt ist von der Verschiedenheit der Bedeutung des Wortes „fern“ in den beiden deutschen Wortzusammensetzungen „Fernsprecher — Telephon“ und „Ferngespräch — Gespräch bei weiter Entfernung“ erläutert die Unzulänglichkeit der Wörter, die angeblich durch sich selbst verständlich sind.

Die Menschen, welche genaue Definitionen für die Wörter der Umgangssprache wollen, werden gut daran tun, den Abschnitt der Seite 109 zu lesen, wo gezeigt ist, wie die Fachleute darauf verzichten mußten, den Stahl dem Eisen gegenüber zu stellen, da sie keine von Willkür freie Definition finden konnten. Dieses Kapitel ist geeignet, verständlich zu machen, was die Umgangssprache ist und wie sie sich von dem Darlegungsverfahren unterscheidet, zu dem die Gelehrten ihre Zuflucht nehmen, besonders jene Gelehrten, welche mit Begriffen arbeiten, die genaue Maße zulassen. Da man in den Umgangssprachen den Wortschatz nicht findet, den man braucht, und zwar den Wortschatz, der allen gemeinsam ist, endigt Herr Wüster damit, den Gebrauch des Esperanto anzuempfehlen. Die amerikanische Gesellschaft IALA hat eine gründliche, tiefgehende Prüfung der Frage unternommen. Hervorragende Gelehrte arbeiten daran. Das Buch des Herrn Wüster wird für diese Gesellschaft ein Ansporn sein zu handeln, zu handeln so schnell als möglich. Das Buch ist ein Zeugnis und eine Tat. In diesem Sinne ist es eines der bedeutendsten Werke, die in letzter Zeit erschienen sind über das praktische Problem der Sprache.“

---

### Voran! Wir siegen!

Kampforgan der sozial-pazifistischen Bewegung

brachte eine Abhandlung seines Herausgebers Dr. Winfried Fricke, Hannover, Hildesheimerstraße 226 c „Was wissen Sie von Esperanto?“. Diese Abhandlung ist eine Erweiterung der von der Accademia „Mastino della Scala“ in Verona im internationalen Ausschreiben im Jahre 1923 mit dem ersten Preise ausgezeichneten Preisschrift von Dr. Fricke über die beste Radiosprache.

Voran! Wir siegen! bringt in der Erkenntnis, daß gerade Esperanto eine notwendige Grundlage für die Friedensbewegung ist, von nun an regelmäßig fortlaufend einen Esperantokurs.

## Oficiala gratulo al ICK.

La Konfederacia Kancelirо.

Al la Internacia Centra Komitato
de la E-Movado,
11 Rue Mont Blanc, Genève.

Registara Konsilisto Hugo Steiner, Prezidanto de la Internacia E-Muzeo en Vieno, faris al Sinjoro la Prezidanto de la Respubliko kaj al mi raporton pri sia pli ol du-monata propaganda vojaĝo por Aŭstrio tra 9 landoj. El ĉi tiu raporto rezultas, ke la Centra Estraro de la E-Movado akcelis tiun ĉi entreprenadon en kiel eble plej konvena maniero per helpo de siaj landaj organizacioj, pro kio mi esprimas al vi mian plej ŝuldigan dankon.

Vieno, 9. aprilo 1932. Buresch

---

Genève, 14. majo 1932.

S-ro Reg. Kons. H. Steiner
Prez. de Int. Esp.-Muzeo
Wien.

Tre estimata Sinjoro Registara Konsilisto,

la 30. aprilo finiĝis la mandato, kiun ni donis al vi por reprezenti nian Komitaton je ĉiu okazo de internacia aŭ loka graveco en Vieno, je kiu vi juĝis utila la reprezentadon de nia komitato. Por montri al vi nian fidon kaj rekonante vian helpemon kaj servemon, ni hodiaŭ renovigas tiun ĉi mandaton kaj sendas al vi konforman legitimacion.

Ni dankus vin, se kiel antaŭe, vi bonvolus estonte agi laŭnecese kaj informi nin ĉiufoje, precipe se niaparte io estas entreprenota.

Kun plej samideanaj salutoj
Int. Centra Komitato de la E-Movado
Robert Kreutz, Direktoro.

---

## Albert Thomas †.

Internacia Laboroficejo en Genève dissendis 6-paĝan nekrologon en E pri sia antaŭ nelonge mortinta meritoplena direktoro Albert Thomas, kiu depost fondo de ĉi tiu institucio estis ĝia direktoro. El organizaĵo kun nur kelkaj oficistoj en luita domo li faris tian kun 450 oficistoj en propra belega palaco en Genève. Sub lia direktado granda nombro de konvencioj kaj rekomendoj estis alprenitaj, pli ol 450 ratifoj registritaj.

Albert Thomas ankaŭ estis sincera amiko al la movado por internacia helplingvo. Estas dank' al li, ke la Oficejo respondas en E al leteroj, ricevitaj en tiu ĉi lingvo, ke ĝi eldonas depost jam ok jaroj Bultenon en E kaj sendas regule E-parolantajn funkciulojn al la Univ. E-Kongresoj. Mallonge antaŭ lia morto la Oficejo presigis E-eldonon de faldprospekto pri siaj organizo, celoj kaj rezultoj. Li ĉiam konsideris la propagandon por Esp. kiel aferon, tre utila al Internacia Laboroficejo.

Ni kortuŝite funebras kun lia familio. Int. E-Muzeo.

## Akcidento de prez. Merchant.

La prezidanto de ICK, s-ro John Merchant, havis en London akcidenton veturante per aŭtomobilo. Mirakle li ne estis vundita. Nervoŝoko detenis s-ron Merchant de siaj laboroj kelkan tempon.

Ni kore deziras al li kompletan resaniĝon.

### Alfons Paoli Schwartz revenis.

La „lasta militviktimo“ estis esperantisto kiel la „unua“. La lasta estis Schwartz, kiu sekve de sia necerta ŝtataneco (li naskiĝis sur la insulo Corsica kiel filo de franca oficisto devenanta el Elsass kaj mem opiniis sin germana ŝtatano) la 14. junio 1921 estis kondamnita al dumviva ekzilo en la franca krimula kolonio Gujana. De tie li revenis post sia amnestiiĝo hejmen la 24. aprilo nj.

Lia patrino mortis unu tagon antaŭ lia amnestiiĝo.

Ni elkore gratulas nian samideanon pro lia liberiĝo, samtempe sendante kondolencon pro la granda perdo.

Kiu deziras gratuli lin, skribu al A. P. Schwartz, Blumenstr. 17, Kehl am Rhein, Germanujo.

## Heroldo de Esperanto fondas filiojn.

La unua filio, por kiel eble plej bone kaj rapide servi al la esperantistoj en la diversaj landoj kaj por kreskigi la nombron de la abonantoj kaj klientoj, estis starigata en Praha.

Reprezentanto tie estas s-ano Jaroslav Ŝustr, Dlouhá tr. 53, Praha I.

---

**Alvoko al la Komitatanoj** de la Universala Esperanto Asocio de Ir. M. F. Onnen, Haag, Nachtegaallaan 6, Nederlando, parolas pri mizero en UEA kaj donas rebonigajn rimedojn, ĝin forigi. La afero estos priparolota dum la Kongreso en Paris. La Alvoko estas havebla ĉe la verkinto (5 pecoj por 1 resp. kup.).

## Al la membraro de UEA.

Pro grava kaŭzo la subskribintaj Komisionanoj kunvenis dum la kvar Pasko-tagoj en Genève por detale ekzameni la situacion, kaŭzitan per la monda krizo, kaj alvenis al jenaj konkludoj:

a) La administracio estas zorge farita kaj meritas neniun riproĉon, sed dankan rekonon. Se okaze suferis la kvalito de la laboro pro la kvanto, tio devenas de la superŝarĝiteco de niaj tro malmultaj oficistoj.

b) Per redukto de la salajroj, forluo de oficspaco kaj aliaj ŝparegoj, UEA funkcios dum la kuranta jaro ankoraŭ laŭ kutima maniero.

Amikoj, ne temas pri bona aŭ malbona forto de ia societo. Hodiaŭ ni demandas vin: Ĉu vi volas aŭ ne, ke ĉesu funkcii via asocio, kvankam ĝi estas morale forta kaj sana, pro dumtempa malkresko de la enspezoj? Ĉu vere vi volas, ke fariĝu vanaj viaj multjaraj klopodoj, viaj ĝisnunaj monoferoj, la tuta intereso, la amo, kiun vi montris al via asocio? La proksiman jaron la Esperantistaro povus festi la 25-an datrevenon de la fondiĝo de sia plej grava, plej konata societego. Kaj ĉu anstataŭ feston ni aranĝu funebron, por konstati, ke la pretenditaj centmiloj da Samideanoj lasis morti je malsato sian plej kapablan infanon?

**Tio ne povas esti via volo!**

En tuta seriozeco ni alvokas vian komprenon, vian propran intereson kiel esperantistoj. Amikoj, pripensu kaj decidu mem! Iru al viaj konatuloj, supreniru ŝtuparojn kaj frapu al la pordoj, por ke nia kara UEA trapasu tiun plej malfacilan periodon de sia ekzisto!

**Amikoj de UEA, pruviĝu amikoj, kreante amikojn!**

**La Komisiono de Univ. E-Asocio:**

Ed. Stettler, prez.; Joh. Karsch, vicprez.; Rud. Hromada, d-ro Poncet, Fritz Rockmann, P. Blaise

---

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h.

**Novaj membroj:**

**Internacia Honora Komitato:**

**Liechtenstein:**

D-ro Josef Hoop, ĉefo de la registaro, Vaduz.

**Internacia Kuratora Komitato:**

**Francujo:**

Georges Avril, kanceliero de „Academie Mediterranenne“, literatura direktoro de „Eclaireur de Nice“ Nice.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

**Grupoj ktp. kiel membroj por 10 jaroj** (la sama kotizo):

428. Max Lehner, prez. de E.-Soc.“ E. Peltier,“ Graz; 429. Louise A. M. Gregory (Bahaa-mov.), Portsmouth, U. S. A ; 420. Brouwer Tony, Haag, Ned.; 431. Hitelo Oberländer v. Starnberg, Del. de UEA, Czortków, Pol.; 432. Dirko Baselli, Del. UEA., Metkovici, Jugosl.; 433. E. M. Bartholomew, Letchworth, Angl.; 434. Rud. Kaftan, dir. de Horloĝ-Muzeo, Wien; 435. Leopoldine Edelmann, Wien.

**Materialo ricevita:**

75. V. Anefrijev, Elva, Eston.; 76. rektoro S. Jansson, Lidingo, Sved.; 77. k. 89 L. Agourtine, Paris; 78. Literatura Mondo, Budapest; 79. K. Janotta, Liesing; 80. dir. R. Kreuz, Genève; 81. Magnus, Orleans; 82. d-ro W. Biehler, Graz; 83. E.-Turista Komisiono, Stockholm; 84. d-ro E. Ritter, Genève; 85. Evagelia Laboro, Barcelona; 86. H. Sentis, Grenoble; 87. P. Blaise, North Harrow; 88. J. D. Applebaum, Liverpool; 90. Nov-Esperanto, Bern; 91. H. Jungschaffer, Ried i. I.; 92. Fr. Ellersiek, Berlin; 93. V. Ramadanoviĉ, Zemun, Jugosl.; 94. W. Söderström, Osakeyhtio, Finnl.; 95. W. Anttila, Helsinki; 96. E.-Instituto de Finnlando, Helsinki; 97. Sächs. E.-Landesverband, Grossenhain; 98. D. Baselli, Metkovici, Jugosl.; 99. prof. d-ro H. Richter, Tartu, Est.; 100. prof. E. Deligny, St. Omer, Franc.; 101. Oomoto

Prop. Ofic., Kameoka, Japan.; 102. Nova Vojo, Lisboa, Port.; 103. Sudokcid. Germana E-Ligo, Wiesbaden; 104. „La Okcidentulo“, Lisboa; 105. Tiberio Morariu, Cluj, Rum.; 106. prof. Mehmet Hulusi, Aiden, Turk.; 107. Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm; 108. E-M.Bartolomew, Letchworth. Anglujo.

## XXIV. en Paris.

30. julio—6. aŭg. 1932.

**Adreso:** La sekretariejo translokiĝis al la kongresejo mem: Maison de la Mutualité, 24, rue Saint-Victor, Paris V.

**Gvidlibro:** Ĉiu kongresano ricevos praktikan kompletan gvidlibron pri Paris, en E kun belaj planoj.

**Kotizo:** Ĝis 1. julio fr. fr. 125.—, poste fr. fr. 200.—. En Aŭstrio estas malpermesate eksporti monon kaj sekve la esp.-istoj ne povas sendi sian kotizon. LKK nun klopodas por havi specialan permeson por la eksporto de ĉi tiuj sumoj, sed tio necesas diplomatajn vojojn, kiuj iomete longe daŭras. Tial LKK decidis intertempe akcepti la aliĝojn kondiĉe, ke la aliĝintoj promesu sendi la kotizon tuj kiam la ĝenerala eksporto de mono estos permesita aŭ kiam la speciala permeso por la Kongreso estos ricevita kaj anoncita en la E-ĵurnaloj. Al tiuj LKK sendos la gazeton, la mendilojn por hoteloj, ekskursoj k. s. kaj la fervojan rabatilon.

**Rimarko:** Germana E-Asocio sukcesis, ricevi por la kongresanoj la permeson, kunpreni krom la permesitaj 200 RM ankoraŭ pluaj 100 RM.

**Help-kongresanoj:** S-anoj, ne povante veturi al Paris povas subteni la aranĝojn per kotizoj da fr. fr. 50.— kaj ricevos post la kongreso la Gvidlibron pri Paris, Kongreslibron, Kongresraportaron, specimenojn de ĉiuj mendiloj kaj kompletan serion de Gazeto de la XXIV.

**Provizora Programo de la Kongreso:**

30. VII.: 17 h Unua kunsido de ICK; 18 h Unua kunsido de KR; 20 h Interkonatiĝa festo aŭ danco.

31. VII.: 8½ h Diservoj; 10 h Solena Malfermo en Maison de la Mutualité aŭ en Sorbonne; 15 h Malfermo de Somera Universitato; 16 h Estrarkunveno de UEA; Dua Kunsido de ICK; 20 h Teatra prezentado.

1. aŭg.: 9½ h Unua laborkunsido; 13½ h Ekskurso al Versailles; 15 h Dua kunsido de KR; 17 h Unua kunsido de Ĝenerala Estraro.

2. aŭg.: 9½ h Publika kunsido de UEA; 11 h Tria Kunsido de ICK, Vizito al Ĉambro de Komerco kaj la fama Esperanta Biblioteko; 12 h Senpaga lunĉo, donacita de la magazeno Galeries Lafayette; 15 h Somera Universitato kaj fakkunvenoj; 15½ h Dua kunsido de Ĝenerala Estraro; 20½ h Literatura Vespero de Literatura Mondo.

3. aŭg.: 9½ h Tuttaga ekskurso al Fontaineblau en aŭtomobiloj.

4. aŭg.: 9½ h Dua Laborkunsido; 15 h Somera Universitato kaj fakkunsidoj, Kvara kunsido de ICK; 16 h Tria Kunsido de Ĝenerala Estraro; 20½ h Ŝipekskurso al Saint-Cloud.

5. aŭg.: 9½ h Tria laborkunsido; 15 h Somera Univ. kaj fakkunvenoj; 16 h Kvara kunsido de Ĝenerala Estraro; 21½ h Internacia Balo.

6. aŭg.: 10 h Ferma kunsido en Maison de la Mutualté.

**Fervojaj rabatoj:** 50% por ĉiu ir- kaj revenbileto por la veturado en Francujo, valida de 25. julio –16. aŭg. inkl. — En Aŭstrio 25% por karavano kun almenaŭ 8 partoprenantoj.

**Karavanoj** estas organizataj en diversaj landoj. El Aŭstrio ne iros tia, sed ni petas, ke la aliĝintoj al XXIV. skribu al IEMW, por ke oni povus eble havigi al ili la rabaton en Aŭstrio. Ili eventuale aliĝu poste al alia karavano. La adresoj de la germana estas F. Ellersiek, Wilmstr. 5, Berlin SW 61, de la itala E-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano kaj de ĉeĥa s-ro Ginz, Praha II. Stárkova 4.

**Teatraĵo:** Estos prezentata la fama franca komedio Knock de Jules Romains en E; ĉiu kongresano rajtas ĉeesti senpage la prezenton. „Knock“ aperos en libra formo, la trad. estas de d-ro Pierre Corret.

**Kongresa Balo:** Pro specialaj cirkonstancoj LKK rekomendas, ke la kongresanoj ne surhavu naciajn aŭ fantaziajn kostumojn dum la Kongreso aŭ dum la Kongresa Balo.

**Aliĝis** ĝis nun 405 el 20 landoj.

## Katolika Kongreso.

Tuj post XXIV. okazos en Lourdes la VI. Intern. Kongreso de Katolikaj E-istoj. Interesuloj skribu pro detaloj al f-ino Larroche, 55 rue de Vaugirard, Paris VI.

**Nacia Kongreso de italaj** esp.-istoj okazos de 26.—29. julio en Milano. Aliĝojn direktu al E-Centro Itala, Gall. Vittorio Emanuele 92, Milano.

---

### Al niaj abonantoj!

Kunhelpu la laboron por AE, sendante mallongajn, interesajn, koncizajn artikoletojn pri jenaj temoj: Vojaĝpriskriboj, rakontetoj, lingvaĵoj por komencantoj, sentencoj, inventaĵoj, spritaĵoj, skizoj pri belaj partoj de nia hejmlando (ekz. Erzberg, Salzkammergut, Oetztal, Mariazellerbahn, Wörthersee, Hellbrunn, Eisenstadt ktp.). Se eble skribite per skribmaŝino, sed certe bone legeble. Koran dankon nome de la abonantoj kaj eldonejo.

## Intern. Cseh-Instituto en Arnhem.

**5-a Int. Kurso de A. Cseh, 19. — 29. julio** daŭros dum 10 tagoj kun po 4 instruhoroj antaŭtagmezaj; posttgm. plezuroj kaj instruaj ekskursoj; vesp. amuzaj kaj seriozaj kunvenoj kun prelegoj kaj lumbildparoladoj. La 29. julio amuza vespero kun teatra prezentado kaj balo. La 30. forvojaĝo al Paris-a Kongreso kun karavano de UEA (s-ro Telling, ĉefdel. de UEA, Bellevoijstr. 36, Rotterdam).

Kotizo por la kurso kaj la aranĝoj Ned. guld. 12.50; kiu varbos 3 kursanojn ne pagos kotizon. 10 kursanoj ricevos senpagan loĝejon en E-domo paginte nur la manĝon potage ned. guld. 2.50.

**Seminario por Cseh-metodaj instruistoj,** 8. — 13. aŭg. 1932, por gvidantoj de Cseh-metodaj kursoj. La prelegoj ĉiutage dum 4 horoj, poste ekskursoj, amuzaj aranĝoj.

Kotizo por ĉiuj aferoj ned. guld. 7.50.

**Intern. perfektiga kurso,** 15.—20. aŭg. 1932, gvidota laŭ speciala sistemo kaj kun apliko de helpiloj, disponigotaj al la kursanoj. Ĉiutage 4 instruhoroj, instruaj prelegoj, amuzaj aranĝoj, komunaj ekskursoj. Tre rekomendinde speciale por personoj, kiuj sin preparas al ekzameno.

Kotizo: Ned. guld. 7.50 kaj kune kun Seminario 10 guld.

Informoj: La kursanoj povos loĝi en la hotelo de Esperanto-Domo. Plena pensiono favorpreze (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj 3 manĝoj) 3—4 guld. kun 10% servmono. Personoj, kiuj deziras partopreni sed havas pro la krizo ekonomiajn malfacilaĵojn, sin turnu kun fido al Int. Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando, kien oni ankaŭ skribu pro aliĝo kaj informoj.

---

**Lietuvos Valstybes Radiofonas.** En la ĉefurbo Kaunas ĉiusemajne s-ano St. Sabalis disaŭdigas per Radio E-lingvajn prelegojn kaj dufoje pomonate ankaŭ politikajn informojn. Ni gratulas al la Radio-stacio, kiu ankaŭ siatempe estis tiel afabla kontraŭ prezidanto de IEMW, reg. kons. Steiner dum lia propagandvojaĝo por Aŭstrio.

Koregan gratulon
al **ges-roj Theo Jung** en Köln
okaze de enmondiĝo de fileto Heintz Theo,
kaj al **ges-roj d-ro W. Solzbacher,** red. de „La Juna Batalanto" kaj ĉefsekr. de Mondjunularo Katolika, en Köln, de filineto Josefa.

### Gravaĵoj.

Urbo **Frankfurt a. M.** eldonis varbfolion kvarpaĝan kun 3 bildoj por la Goethe-jaro. Mendu ĉe Wirtschaftsamt, Frankfurt a. M., Braubachstr. 14.

### Por vojaĝantoj al bela Saksujo!

**„Vogtlando",** gvidlibro tra ĉi tiu bela regiono kun multaj bildoj, kunmetita de supera instr. A. Naumann, prez. de Saksa E-Landorganizo, en Großenhain, 24 paĝa grandformata invitas vin. Prezo afr. 40 pf.

**„Chemnitz",** 4 pĝ. flugfolio kun 4 ilustr., senpage ĉe E-Asocio, Chemnitz, Altenhainerstr. 34.

**„Zittau kaj Zittauaj montoj",** 12 pĝ. bela gvidlibro kun multaj bildoj, trad. de Karl Knoll, eld. de Verkehrsverein Zittau. Senpage!

**„Ins Erzgebirge",** germana 4 pĝ. gvidfolio kun multaj bildoj. Laŭ instigo de Saksa E-Ligo, Großenhain, estas aldonita folio kun E-teksto, trad. de prof. d-ro Wicke. Senpage de Geschäftsstelle d. Erzgebirgvereines, Schneeberg, Sachsen.

En **Foiro de Paris** la stando de Esperanto troviĝis apud la ĉefa enirejo.

**Urba Trafikoficejo en Köln** aranĝis E-kurson, kiun gvidas s-ano Wingen. Partoprenas 8 oficistoj. Imitu aliaj entreprenoj!

**Internacia somera E-kurso por geinstruistoj** okazos de 17.-24. julio en Silkeborg, Danlando, gvidata de la germana Ĉemetoda instruisto Ajo. La kurso kostas Kr. 10.—, loĝado kaj manĝado kune Kr. 20.- Aliĝojn sendu al instr. L. Friis, Frodesvej 21, Aabyhoj, Danlando.

**Flandra Turista Asocio** (110.000 membroj) publikigas E-kurson en sia bulteno sekve de la klopodoj de Flandra Ligo E.

**Rio de Janeiro,** Brazilio. La dua Interŝtata Kongreso de Turismo rekomendis la publikigon de gvidlibroj dissendotaj al landoj, kies oficialaj lingvoj ne estas la portugala, franca, hispana aŭ itala — ankaŭ en E.

---

Wir bitten die Bezieher, die trotz wiederholter Erinnerung noch nicht ihren Bezugspreis bezahlt haben, dies bis 1. Juli zu tun, da nach dieser Zeit automatisch die Beträge mit Postauftrag eingehoben werden müßten, was ihnen nur Kosten verursachen würde.

---

# Mia varbvojaĝo por Aŭstrio.

(Fino.)

Nun mi deziras iom rakonti pri la belega ĉefurbo **Stockholm** kun pli ol duona miliono da loĝantoj, kiu ravigas la vizitanton per siaj belega situo, ĉarma urbobildo kaj siaj modernaj konstruaĵoj apud atestoj el antikvaj tempoj. Malantaŭ la fiera reĝa palaco (217 m longa kaj 116 m larĝa) situas pitoreske la angulhavaj stratetoj de la mezepoka urbo. Proksime Storkyrka (Granda preĝejo) el la 13. jc. La nova Stockholm estiĝis en la 17. jc. La plej bela konstruaĵo el tiu tempo Svenska Biddarhuset (Sveda kavalira domo), fondita de Axel Oxenstierna. De interesaĵoj mi citu: Jakob-preĝejo, kiu pro sia stranga turo donas al la urbobildo tipan silueton; Germana preĝejo kun siaj belegaj barokportaloj; Katarina-preĝejo sur altaĵo, la urbobildon superreganta, kaj 8-angula Hedwig-Eleonora-preĝejo kun potenca kupolo. Malnova Regno-Banko (1680); Operdomo kaj la impona Regna Parlament- kaj Bankejo, ambaŭ el la lasta tempo. Nacia Muzeo en venecia stilo el 1870. El la plej nova tempo: nova Kungsgatan (Reĝa strato) kun la unuaj nubskrapuloj, la Reĝturoj; Koncertdomo, la plej rimarkinda konstruaĵo de moderna sveda konstruarto de Ivar Tengbom (1926); Radhus (Urbdomo) de Carl Westman en konstrustilo el la tempo de Gustav Wasa; Stadshus de Regnar Oestberg (rigardu „Burĝa Korto“, „Blua Halo“, „Ora Salonego“, „Ĉambrego de la centoj“ ktp.); Urbdoma Ĝardeno kun la fantazifiguroj de la plej eminentaj Svedoj: Verkisto August Strindberg, kantoverkisto Gustav Fröding kaj pentristo Ernst Josephson. Impona Norda Muzeo (Clason) en norda stilo kun grandaj kolektoj, Teknika Alternejo (Lallerstedt) kun korto, memorigante al mezepoka monaĥejo, kaj Stadiono de Torben Gruth. Multo estus ankoraŭ priskribinda pri ĉi tiu belega urbo, sed vi havos en du jaroj la eblecon vidi la urbon kaj la belan landon mem dum la XXVI. en 1934.

La 27. febr. antaŭtagmeze mi alvenis en **Uppsala**, kie min atendis s-anoj kaj deziris min prezenti al tiea rektoro de la universitato, s-ro Unden, kiu bedaŭre pro promocio ne povis min akcepti. Sed mi ne havis la tempon resti en ĉi tiu tre interesa urbo kaj pro tio mi devis rezigni je la vizito. S-ano Brink montris al mi dum du horoj en la plej antikva universitata urbo de Svedujo ĉiujn vidindaĵojn: Tomboj el pratempoj kaj restoj de germana buĉoferejo; la granda katedralo el la 14. jc. kun la reĝotomboj; la potenca sur altaĵo situata Wasa-kastelo kaj la antaŭ 450 jaroj fondita Universitato kun la mondfama gotika Sankta Skribo arĝenta. Gaja studenta vivo regas en la urbo. Dankon al mia gvidinto.

De Uppsala en akompano de s-ano Brink al **Enköping**, kie mi estis loĝ- kaj manĝogasto de familio Holmström, kiu ĉefe aranĝis la bone sukcesintan paroladon en Popoldomo antaŭ 100 personoj, multaj por la ne tro granda loko. S-ro Holmström, fervojisto, estis for je deĵoro, sed la edzino vere lerte ĉefaranĝis la aferon. „Enköpings Posten“, loka gazeto estis vizitata kaj favore raportis. Al ĉiuj koran ĝis revidon kaj dankon.

Matene de 28. febr. forveturo al **Motala** (6 horojn), urbeto de 3000 loĝantoj, kie oni min loĝigis en modernan, belegan hotelon kaj gastame traktis. Posttagmeze parolado en Kinoteatro (150 pers.), poste trairado de la urbeto kaj vespere lumbildparolado en la grupo (80 p.) kun posta tetrinkado kaj danco. Dankon al ĉiuj afablaj s-anoj.

La 29. febr. en **Kumla**, kie min atendis s-ano Ström, en kies hejmo mi estis gasto kaj kie en societo de lia familio (li havas krom tre ĉarma edzino

ankaŭ 2 gefiletojn) mi travivis belajn, agrablajn horojn. En lia societo mi ankaŭ vizitis ŝufabrikon (en Kumla estas aro da tiaj fabrikoj), kie la prezidanto de la E-grupo, s-ano Lindquist kun permeso de lia ĉefo min gvidis tra la tuta granda fabriko. Posttagmeze kunveno de la E-grupo, kie ankaŭ kunvenis aliurbanoj, en la societejo. Mi parolis pri la Muzeo kaj la E-movado entute. Ĉeestis 45 pers. Sekvis publika filmparolado en kinoteatro, kaj tiu estis grandioza sukceso por la aranĝintoj. Pli ol 280 pers. ĉeestis kaj eĉ ne unu sidloketo estis plu havebla. Sekvis komuna tetrinkado kaj danco. Koran dankon al la familio Ström, kiun mi neniam forgesos kaj kiu donacis al mi kiel rememoron belegan busteton. Dankon al ĉiuj ges-anoj, kiuj kunhelpis.

1. marto mi alvenis en **Högsjö**, kaj estis gasto de la grupo-prezidanto s-ano fervojisto Erik Ekenberg. Malgranda loko kaj la parolado okazis 10 km malproksime (ni veturis tien per aŭtomobilo) en la kinosalonego de la fabriko. Ĉeestis 90 pers. kaj la postan kunvenon de la grupo 25 pers. Dankon meritas prez. Ekenberg, kiu multe tie laboras por E.

La 2. marto mi vojaĝis al **Karlstad**, kie ne okazis aranĝo kaj kie mi haltis unu tagon.

La 3. marto dum mia veturado al **Hamar** (Norvegujo) mi havis en Oslo duonhoran restadon, kiun mi pasigis en la societo de prez. de Norvega E-Ligo, kapitano Rolf Bugge-Paulsen, mia malnova konato s-ano Bonnevie kaj d-ro Fischer, Ĉe-metoda E-instruisto nuntempe en Norvegujo. En Hamar atendis min inĝ. Klewen, la prez. de E-Klubo, kiu 5 monatojn antaŭe nombris nur la prezidanton kaj nun pli ol 150 personoj. Mirinda laboro. La urbo belege situas ĉe longega Mjösa-lago. Parolado okazis en belega salonego kaj ĉeestis 160 personoj. Sekvis en la bela hejmo tetrinkado ĝis mia forveturo je meznokto al Drontheim. Dankon al prez. Klewer kaj la aliaj. „Hamar Arbeiderblad“ favore raportis.

**Drontheim**, la iama Nidaros, 60.000 loĝantoj, kun la belega Nidaros-katedralo, kiu leviĝas super la tombo de Sankta Olav, estas belege situata ĉe la maro. La sekretariino f-ino Klinge gvidis min tra la urbo kaj montris la katedralon, la reĝan palacon, la plej grandan lignan domon en la lando — la reĝo kun la kronprinco estis veturintaj per la sama trajno al Trondheim, kie okazis tiam la skiovetkuradoj de Norvegujo —, la novan Teknikan Altlernejon k. a. Mi loĝis kiel gasto de la grupo en unuaranga hotelo kaj estis tagmanĝogasto de s-rino prof. Kaja Graff-Holmen. Mian paroladon mi faris antaŭ 60 pers.; malfeliĉe samtempe okazis diversaj aranĝoj. Post la parolado kunveno en intima rondo. La sekvintan tagon mi ekskursis en societo de prez. Ragno Rian kaj instr. Birger Nordstrand al la ĉijara skiovetkuradejo, kie ni ĝuis belajn horojn. Vespere reveturo per rapidtrajno al Oslo, akompanate al la stacio de s-aninoj Graff-Holmen kaj Klinge. Koran dankon al s-anoj Rian, Graff-Holmen, Nordstrand kaj la aliaj. „Adresseavisen“ kaj „Dagspostens“, kiujn mi vizitis, bone raportis.

La 6. marto mi alvenis en **Oslo**, kie matene min atendis en la stacio prez. Kapitano Bugge-Paulsen kaj loĝigis min en bona hotelo proksime de la stacio. En societo de prez. Bugge kaj de prez. de Klubo E-ista s-ano Arne Arnessen mi vizitis la faman popolmuzeon sur insulo Bygdöy, kie estas en aparta domo la famaj „Vikinger“-ŝipoj, kaj poste iris piede sur la glaciigita maro reen al la urbo. Posttagmeze parolado ĉe Radio-Oslo. Intervjuis f-ino Liv Sandberg, interpretis kapitano Bugge-Paulsen; poste ni aŭdis en belega kafejo bonegan muzikon, ankaŭ Wien-an. Vespere kapitano Bugge iris kun mi rigardi en kino „La kongreso dancas“, ĉar en Wien mi ne havis la okazon kaj tempon rigardi ĝin. La 7. marto ni vizitis la aŭstrian konsulon, sinjoron

Caesar Bank, la ĝeneraldirekt. de la fervojoj Heiberg, kiu konsentis pri enkonduko de Esp. en la rondon de fervojistoj por tiel helpi al la fremdulfrekvento; s-ron Arne Giverholt en la departemento de Ekstero (gazetservo); s-ro sekcian ĉefon Per Vigstad de la Ministerio por Instruado, kiun ni informis pri enkonduko de E en Aŭstrio kaj aliaj landoj; s-ron Johannes Martens, membro de la Centro de Rotary International kaj direktoro de grava gazeto „Aftenposten", kiu promesis helpi la movadon; la redakciojn „Morgenbladets", „Aftenposten" kaj „Tidens Tegn", kiuj publikigis intervjuojn; la direktoron de la Universitata Biblioteko Hartmann kaj la ĉefurbestron Munthe, kiujn ni deziris inviti en Int. Honoran Komitaton de la Muzeo sed kiuj ambaŭ ne estis renkonteblaj dum ĉi tiu tago, ktp. — Vespere kunveno en la bela ejo de Klubo-Esperantista en Oslo sub prezido de revizoro Arnessen, kiun ĉeestis 50 personoj kaj kie mi raportis pri la Muzeo kaj la E-movado. Mi je tiu okazo invitis nome de IEMW la s-anojn kapitano Bugge-Paulsen kaj Honoratus Bonnevie „membroj de Int. Kuratora Komitato de IEMW" kiel reprezentantoj por Norvegujo. Longe ni kunestis kaj mi deziras ĉi tie kore danki al ĉiuj, kiuj agrabligis mian restadon, sed unuavice al s-ro Bugge, kiu kun s-ro Bonnevie ankoraŭ venis al la stacidomo, por diri adiaŭ al mi.

Oslo, la ĉefurbo de Norvegujo, nombras 300.000 loĝantojn. Belege situata ĉe Oslofjord. Rimarkindaj: Reĝa palaco, reganta la urbon: Parlamentejo; Universitato; Ĉefpoŝtejo, belegaj grandaj placoj ktp. Belega ĉirkaŭaĵo.

De Oslo mi veturis la 8. marto al **Uddevalla**, kie mi estis gasto de nia konata pacifisto instruisto Einar Dahl. La lumbildparoladon partoprenis 50 pers. La lokaj gazetoj bone raportis. La 9. marto s-ano Dahl per aŭtomobilo min venigis al **Munkedal**, 16 km malproksime, kie mi faris paroladon antaŭ 80 pers. S-anoj Dahl kaj la prez. de Munkedal E-grupo J. A. Hansson estu dankataj pro la farita laboro. Speciale mi dankas al ges-roj Dahl.

La 10. marto mi vojaĝis de Uddevalla al **Göteborg**, kie mi estis gasto de ge-instr. Torbjär Thorsten kaj faris paroladon antaŭ 150 pers. en la bela hejmo de la Klubo Esp. de ABF, kies prez. Ekström ankaŭ la sekvintan tagon min akompanis, parte ankaŭ instr. Thorsten, al la aŭstria konsulo, „Göteborgs Handels- och Sjöfarts Tidning, „Ny Tids", „Göteborgs Posten" kaj la lernejinspektoro d-ro Bruno Lundgren, kiu tre interesite aŭskultis mian raporton pri lernejaferoj kaj promesis viziti la Muzeon en Wien. Koran dankon al ges-roj Thorsten kaj al la s-anoj, en kies societo mi travivis belajn horojn.

Göteborg, 250.000 loĝantoj, originas el 17. jc. kaj posedas grandan havenon. Ĝi faras tre bonan impreson al la vizitanto. Belaj ankaŭ modernaj konstruaĵoj.

**Nässjö**, la celo por la 11. marto, estas malgranda urbo kun tre viglaj esperantistoj, speciale la prez. instr. Björklid. En la urba hotelo, tiel eleganta ke ĝi povus esti en grandurbo, oni min enloĝigis. Ni vizitis la gazetojn „Smalands Dagblad" kaj „Smalands Folkblad", la urbestron, la rektoron de la reallernejo kaj la direktoron de la popollernejo. Vesp. lumbildparolado antaŭ 120 pers., plena salono; poste frata kunveno en la hotelo, ankaŭ membroj de E-Klubo de Anneberg. Dankon al Björklid kaj la aliaj.

La 12. marto parolado en **Vetlanda**, malgranda loko, kie la viglaj s-anoj el Bodafors deziris pere de mia parolado interesigi la homojn al nia lingvo. Ĉeestis ankaŭ membroj de Landsbro E-grupo. Poste amika kunveno. Dankon al miaj interpretantoj Nilsson kaj Wolf kaj al la aliaj, kiuj ne timis la klopodojn ĉeesti la paroladon.

La 13. marto mia vojo min kondukis al **Karlskrona**, kie min atendis familio Ahnfeldt per aŭtomobilo. Ili montris al mi la belan urbon kun ĝia tre interesa milithaveno kaj vesp. okazis parolado kun lumbildoj kaj finis la

tagon amika kunestado. Per sia aŭtomobilo s-ano Ahnfeld, prez. de Rödeby E-klubo, venigis min al sia hejmo, 12 km malproksime de Karlskrona, en Torskors. Tie mi trapasis en familia rondo ankoraŭ la horojn ĝis meznokto. Dankon al s-ino A. kaj ĝis revido al la du ĉarmaj filinetoj. La 14. marto s-ro Ahnfeldt min veturigis al Karlskrona kaj post vizito de la redakcioj de „Karlskrona Tidningen" kaj „Sydöstra Sverges Dagblad" mi veturis al **Sölvesborg**. Instr. Henry Ysner atendis min kaj ni veturis per aŭtomobilo al la 16 km malproksima hejmo de mia gastiganto en Hällevik. Vespere la saman vojon al Sölvesborg, kie en kinoteatro okazis la film- kaj lumbildparolado (80 pers.). Ni faris viziton al la urbestro kaj ĉe „Söbesborgs Tidningen". Mi kore dankas al ge-roj Ysner pro la afabla gastigo kaj al mia interpretistino Ella Nilson.

La 15 marto, mia lasta stacio en Svedujo, **Lund.** Vizito al nova ĉefepiskopo de Svedujo kun la sidejo en Uppsala, s-ro Erling Eidem, kiu ĝis 1. aprilo estis profesoro de la Universitato Lund. Kun s-ro instr. Eck, prez. de Lunda E-klubo, mi vizitis la gazetojn „Arbetet" kaj „Sydsvenska Dagbladet". Lumbildparolado antaŭ 120 pers., inter ili s-anoj el Malmö. Tre koran dankon al ges-roj Eck pro la afabla gastigo kaj saluton al la fileto, kaj al interpretisto Greek el Malmö.

La 16. mi forlasis Svedujon kaj veturis tra Malmö, de tie per ŝipo al **Kjobnhavn**, la ĉefurbo de Danujo.

Tuj post mia alveno redaktoro de „Extra-Bladet" kun fotografistino atendis min jam en la hotelo kaj tuj intervjuis kaj fotografis min kaj la artikolo estis jam posttagmeze en la ĵurnalo. Venis poste en la hotelon la redaktoroj de „Berlingske Tidende", „Borsen", „Dagens Nyheder" laŭ la iniciato de la aŭstria honorkanceliero s-ro Böhm de la aŭstria ĝeneralkonsulejo por intervjui. Kune kun s-ino Noll kaj s-ano instr. Jensen ni vizitis la direkt. de Reĝa Blindulinstituto, Rasmusten kaj sekr. f-ino E. Juul, kiu eldonas lernolibron por blinduloj en Braile-skribo; la ĉefon de la Dana Turist-Oficejo, kapitanon Nielsen, kiu konsentis eldoni E-presaĵojn pri Kjobnhavn; la ĉefon de la Ŝtatpolico, s-ron Mensen, kiu tre interesiĝis pri la E-instruado ĉe la Wien-a polico kaj la portado de la insigno kaj promesis samagi. S-ro Mensen ankaŭ petis min transdoni respektplenajn komplimentojn al la aŭstria ŝtatprezidanto, de kiu li estis siatempe akceptata, kaj mi la 6. aprilo plenumis ĉi tiun peton. Sekvis vizito ĉe la Ministro por Ŝtatdefendo, s-ro L. Rasmussen, en la parlamentejo, kie ni restis dum preskaŭ 1 horo. La ministro havis grandan intereson pri enkonduko de E ĉe la soldatoj. La estron de la gazetserva oficejo en Ministerio por Ekstero, s-ron A. Paulsen, mi invitis en Int. Honoran Komitaton de IEMW.

Bedaŭre mi ne povis paroli per Radio; la programestro de la Radio-stacio, s-ro Holm, telefone petis senkulpigon pro tio, ĉar pro tro malfrua anonco flanke de la esp,-istoj la enprogramigo de mia parolado ne plu estis ebla.

**Kjobnhavn** estas la plej bela urbo, kiun mi vidis dum mia vojaĝo. Antaŭ 20 jaroj, tuj post la VIII. mi vizitis ĉi tiun urbon, kiu nun nombras 800.000 loĝantojn — la tuta lando nur nombras pksm. 3 milionojn — kaj kun granda ĝojo ne nur rigardis jam konaton sed devis miri pli la pligrandiĝo kaj plibeliĝo, se tia entute estis ebla. Mi memoras f-inon Hoest (nun nia konata s-ino Blicher), kiu tiam en ankaŭ nun konate afabla maniero helpis la tiam novan adepton de E. — K. donas al la fremdulo la impreson de vera grandurbo. Ĝia situo ĉe la maro estas belega.

Meze en la antikva parto, kie episkopo Absalon en 1167 konstruigis la unuan fortikan, de kanaloj ĉirkaŭatan burgon, situas kastelo Christiansborg,

sidejo de la registaro, de la parlamento kaj de la plej alta tribunalo — impona, moderna barokstila konstruaĵego, sur la loko de la forbrulitaj palacoj. Sub la kastelo oni ankoraŭ vidas restaĵojn de la burgo de Absalon. K. estas konata sub la nomo „urbo kun la belaj turoj“ kaj vere aro da belaj turoj estas videbla. Ĉirkaŭ la iama antikva urbo etendiĝas modernaj kvartaloj kun larĝaj bulevardoj kaj promenadejoj.

El la multaj vidindaĵoj estu citataj: Muzeo de Thorvaldsen, fame konata tutmonde, kun la belega kolekto de skulpturoj de l' majstro, kies tombon la muzeo enhavas; Nacia Muzeo (fama kolekto Rasmussen de eskimoaĵoj); Gliptoteko; historia armilkolekto en Armilejo; Zoologia ĝardeno. Amalienborg, 4 palacoj de la reĝo, kiuj ĉirkaŭas placon kun bela rajdiststatuo de reĝo Frederiko V. Ĉi tie mi vidis la ŝanĝon de la gardistaro en ilia antikva uniformo. Iama Frederiks Hospitalo, nun Artindustria Muzeo; la aparta turpinto de Preĝejo de Savinto; kastelo Frederiksberg; iama Urbdomo nun Urba Juĝejo kaj Preĝejo de Sinjorinoj (el 1800); Frederiks-preĝejo kun impona orumita kupolo. Belega la Nova Urbdomo, situata meze de bela placo, ĉe kiu ankaŭ situas palaco de gazettrusto Berlingske Tidningen, en kiu s-ino Blicher havas sian gazetvendejon. Impona kaj aparte konstruata la rondforma nova Policprezidantejo. Bela statuo „La malgranda marvirgulino“, unu el la fablofiguroj de Andersen. Vere imponaj estas la haveno kaj la multaj ciklistoj en la urbo; oni imagas, ke la infanoj tuj post la lulilo lernas bicikli. Belega estas ĉi tiu urbo kaj agrablaj ĝiaj loĝantoj. Ne plaĉis al mi la tute stranga turo, kiu ligas ambaŭ teatrojn.

De Danujo mi veturis al **Berlin**, kie min atendis en la stacio la afergvidanto de Germana E-Asocio, s-ro Habellok. Post vizito ĉe s-ano Münz, ĉefdelegito de UEA, ni kunvenis en Pschorrbräu: Prez. Behrendt, Ellersiek, Glück, Walter, Habellok kaj priparolis la situon de nia movado. Paroladoj en Germanujo estis neeblaj en ĉi tu krizatempo kaj ankaŭ en la tagoj antaŭ Paskoj. Meznokte s-anoj Habellok kaj Walter akompanis min al la trajno kaj mi veturis al **Praha**, kie mi nur vizitis del. de UEA Ginz, kaj de tie hejmen.

Mi revenis al Wien la 20. de marto.

Entute mi estis 67 tagojn for, travojaĝis en 12.843 km 11 landojn, faris 46 film- kaj lumbildparoladojn antaŭ 9500 pers. en 9 landoj, parolis antaŭ la mikrofono en 6 landoj, uzis 86 trajnojn, 3 ŝipojn, 98 aŭtomobilojn kaj 96 aliajn veturilojn (tramojn, aŭtobusojn, glitveturilojn ktp.). Raportis 92 gazetoj de 34 lokoj en 176 artikoloj.

Fine mi dankas al la Mariavitoj en Plock pro la bela rememoralbumo, al la s-anoj en Helsinki kaj prez. Salokannel pro la bela albumo pri Finnlando kaj al f-ino Hellä Lukanti en Helsinki por la vere senegoisma gastigado.

Steiner.

---

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Ĝenerala Kunveno de AEA en Linz.** Raporto sekvos en la venonta numero.

**Atentigo.** Dum aŭgusto 1933 okazos mondtendaro de skoltoj ĉe Budapest. Atendataj 30.000 partoprenontoj Multloke klopodoj gajni la skoltojn por E. Aŭstriaj propagandistoj kaj kursgvidantoj klopodu enpenetri en kiel eble plej multajn skoltajn rondojn. Aliĝu kiel maljunskoltoj al skoltotrupoj! Propagandu! Instruu! Subtenu la klopodojn de niaj alilandaj samideanoj! Ni gajnos helpemajn junulojn.

**Innsbruck.** Ĝeneralkunveno elektis novan estraron: Max Prinz-estro, H. Zielaus-vicestro, Hans Barek-sekr., Herm. Lorenz-kas., Hans Griesenböck-bibliot., Roland Kühbacher-konsilanto, kiu ankaŭ prizorgos kiel ĝis nun la gazetservon de AEA.

**Lend (Salzburg).** Depost komenco de dec. okazas kurso kun 12 lern., gvidata de ĉeflernejdir. A. Neumair. Espereble estiĝos grupo. Al AEA aliĝis kiel membroj ges. A. Neumair.

**Linz.** La 21. junio prez. Wannek propagande parolos en rondo de St. Georg-skoltoj pri „Skoltismo kaj Esperanto".

**Wien. E-soc. Danubio:** Nova societejo post 23. de junio Kafejo Elsahof, VII. Neubaug. 25 ĉiulunde de la 20 h. Dum junio—septembro okazos ĉiujn 1. lundon lumbildparoladoj; 2. kaj 4. amikaj kaj konverzaciaj kunvenoj; 3 „Parolataj E-gazetoj".

**Peto.** La grupestroj kaj societestroj estas petataj varbi abonantojn por Aŭstria Esperantisto, oficiala organo de AEA. Eldonanto kaj estraro de AEA klopodos pliriĉigi la gazeton, ke ĝi trovu la plaĉon de ĉiuj.

**Aĉetu** la efikajn kovertojn kun varboteksto. Prezo: 50 pecoj 1 S, 100 — 1.80 S afrankite. Mendu ĉe AEA, Linz.

AEA: Wannek, prez.

## Ripetaj kursoj.

(Kotizo S 5.—, por senlaboruloj S 2.—.)

**Por la kursanoj de la kursoj A-C, E-K; Kurso I.:** 13. VI. — 7. VII. ĉiun lundon kaj jaŭdon (8 lec. po 2 h.), Hegelg. 14 (gvid. d-ro E. Pfeffer), 7—9 h vesp.; **Kurso II.:** 14. VI. — 8. VII. ĉiumarde kaj vendrede (8 lec. po 2 h.), II. Kl Sperlg. 2c (gvid. R. Ĉech), 5—7 h vesp.; **Kurso III.:** 15. VI.—9. VII. ciumerkrede kaj sabate (8 lec. po 2 h.), VI. Gumpendorferstr. 39 (gvid. dir. F. Menacher), 7—9 h vesp.

**Por la kursanoj de la kursoj D kaj P:** 14. VI.—8. VII. ĉiumarde kaj vendrede (8 lec. po 2 h.), Hegelg. 14 (gvid. d-ro E. Pfeffer), 7—9 h vesp.

**Por ekzerci la lingvon estu vizitataj:**

Marde kaj vendrede: „**Esperanto Hejmo**", IV. Schäffergasse 3, 7—9 h vesp. (gvid. Kellermann, Zych, Kutter).

Lunde: „**Lunda Klubo**", aranĝita de Danubio, Kaffee Elsahof", VII Neubaug. 25, post la 8 h v.

Marde: „**Intima Rondo Fellinger**", XIV. Reindorfgasse 7—9 h v.; „**Intima Rondo Resselpark**, ½8—9 h v. en la laktejo Resselpark (gvid. Kaes).

Merkrede: „**Pratera Rondo**", Prater Hauptallee, Wiener Molkerei („Danubio", gvid. Klein), 8—10 h v.; „**Katolika Unuiĝo**", I. Freyung 7 (Schottenstift), 7—9 h v., (gvid. Chiba, Mudrak); „**Intima Merkreda Rondo**", en Sekretariejo de Laborkomitato, IX. Löblichg. 3 (gvid. Letfuß, Ondryas), 7—9 h v.

Ĵaŭde: „**Intima Rondo Arenbergpark**", en aŭ apud laktejo Arenbergpark, III. (gvid. Biberle, Jakob), 7—9 h v.; „**Katolika Kruciĝo**", I. Judenplatz 3/1 (gvid. Mudrak), 7-9 h v.

Vendrede: „**Vendreda Klubo**", Kaffee Kolowratring, I. Schubertring 2 (gvid. Raff, inĝ. Sinek, Lackenbacher), 7—10 h v.

Sabate: „**Intima Rondo Amalia Berger**" en la lernejo, IX. Georg Siglg. 13, 7—9 h v.

Sabate kaj dimanĉe: **Ekskursoj** aranĝotaj de inĝ. Bernfeld, Ĉech, Mudrak.

**Ekskurso al Hochschneeberg**

okazis la 5. junio, aranĝita de Katolika Unuiĝo E-ista de Wien. Pli ol 60 personoj partoprenis kaj vojaĝis en aparta vagono al Puchberg kaj de tie per dentradfervojo al Hochschneeberg. En la ĉarma Elisabethpreĝejo sankta meso estis celebrata kaj la e-istoj kantis la meskantojn en E. Post tagmanĝo grandparto ekskursis al pinto Kaiserstein kaj Klosterwappen kaj ĝuis belegan superrigardon. Je la 17 h oni bedaŭre devis ekreveturi, kun sentoj de kontenteco kaj ĝojo pri la vere bela aranĝo.

---

Nia s-ano

**dipl. inĝeniero Viktor Kasmader**

mortis en Paris la 10. majo en sia 27. vivojaro kaj estis enterrigata en Wien la 28. majo.

En nia juna amiko ni perdis tre fervoran, longjaran adepton.

Elkoran kondolencon al la gepatroj kaj la fianĉino dipl. inĝeniero Ania Hait.

---

## SOS por IEMW.

Mankas al ni helpantoj por la plej diversaj laboroj. Venu kaj kunlaboru — kiom ofte vi povas — inter 9-12 kaj 15-18 h. Vi per tio — ankaŭ komencantoj — povos multe helpi al la E-movado. IEMW: Steiner, prez.

---

Gaja — ĝoja.

Notinda ja estas la malo:
Tre gaja mi iras tra valo,
Kviete zumante amkanton.
Ekkuras subite sur vojo,
Tumulte bruantaj pro ĝojo,
Kvar „uloj", ĝenante gajanton. M. H.

Grüne Zirkulare, IEMW betreffend, liegen bei. Wir laden alle ein, sich als Mitglieder anzumelden.

In dem Adresaro, das Ende 1932 erscheint und allen Mitgliedern zugeht, möge kein Ort Oesterreichs fehlen. Ueberall soll wenigstens die **Gruppe** (Runde) **und ein** samideano Mitglied sein. Bis nun sind mehr als 40 Länder vertreten.

## Ŝercangulo.

**Juĝisto:** „La policisto diris, ke vi estis sarkasma kontraŭ li."

**Automobilisto:** „Mi ne intencis tion. Li parolis al mi kiel mia edzino kaj mi respondis subkonscie al la policisto: Jes karulino." (Laŭ „Esperanto Lando")

**Inverse.**

„Ĉu vi havas ankoraŭ tiun maŝinskribistinon, al kiu vi ĉiam diktis?"

„Jes, sed nun ŝi diktas kaj mi obeas, ĉar mi edziĝis kun ŝi."

(El „La Esperanta Gazeto".)

## Rimarkindaj presaĵoj

**„Die Sprache im internationalen Verkehr"** von Dr. Erwin Ritter, Genf. Eld. G. Braun, Karlsruhe; 1932. 48 pĝ.

La broŝuro, de kiu ĵus aperis la dua eldono, priparolas unue la problemon de duaŭ plurlingveco en Ligo de Nacioj kaj konstatas la neceson „krei" internacian komerclingvon. La aŭtoro pruvas per argumentoj, al ni jam delonge konataj, ke nek vivanta nek mortinta lingvo taŭgas por tia rolo, kaj proponas — ho malprosperigaj tendencoj de la nuntempo — , ke komisiono ĉe L. d. N. ekvivigu la novan projekton. La afero ŝajnas des pli ridinda, ĉar Ritter mem asertas, ke laŭ Stojan ekzistas 64 internaciaj idiomoj (en lia „Katalogo de lingvoj" oni eĉ trovas la nomojn de 350 tiaj projektoj). Ĉu el ĉi-ĉiuj projektoj eĉ ne unu sola estas uzebla? Ritter preskaŭ ŝajnas serioze kredi tion, ĉar li malpermesas la elekton de homoj en la lingvokomitaton, kiuj estas anoj de jam ekzistanta sistemo. Mi nun estus sciema, kiom da homoj estas mondlingvanoj sen esti studintaj kaj aprobintaj unu individuan sistemon. La propagandistoj de nuraj vagaj ideoj nur kreos mortnaskotan infanon-homunkuluson. Certe Collinson, Stojan, Wüster el niaj vicoj; Jesperson, de Saussure kaj de Wahl kiel kreantoj de aliaj sistemoj scias pli ol tiaj „nur - idealistoj" pri interlingvistiko (kiel de Wahl tre bone nomis nian problemon). Komisiono laŭ la gusto de Ritter estus preskaŭ la malo de la iama en 1908 kreita Delegacio; ke pro tio ĝi eble pli bone sukcesos, mi tute ne opinias.

La libreto de Ritter ankaŭ ne ĉiam evitas kontraŭdirojn. La aŭtoro klarigas, ke ne unu lingvo estu la bazo de la nova projekto kaj pro tio deziras, ke la duono de la komisionanoj estu ne-eŭropanoj. Tamen en noto sur la lasta tekstfolio li mem — malgraŭ la malgrandaj progresoj de Anglic kaj la sensignifikeco de Wede kaj aliaj projektoj — rekomendas kiel elirpunkton la anglan gramatikon simpligotan. Li ja pravas, ke kelkaj ĉapitroj de gramatiko — nur unu formo de artiklo kaj adjektivo — estas plej facile reteneblaj laŭ modelo de la angla lingvo, sed krom la verboformoj ankaŭ kelkaj sintaksaj reguloj (perifrazo pere de „to do", anstataŭo de la mankantaj formoj de la helpverboj) kaŭzas multe da peno. Krome estas pli dezirinde, ke lingvo estu klara, ol ke ĝi estu tro simpla (akuzativa formo kaj adjektivaj finaĵoj certe ne malutilas malgraŭ Ido kaj Occidental). Por la vortotrezoro de internacia lingvo la angla kaj la latindevenaj lingvoj havas tute la saman gravecon, kion ankaŭ rekonis la kreantoj de aliaj seriozaj sistemoj. Lingvo, kies vortaro baziĝus plejparte sur tiu de la angla lingvo, ne estus vivopova, ankaŭ sen la artaĵoj de Volapük. La simpligo de angla ortografio ne taŭgus sen samtempa simpligo de la prononco, sed post la okazigo de ambaŭ nenio preskaŭ restus de la angla lingvokorpo.

Entute: la kreo de nova lingvo tute ne necesas. D-ro fil. W. Biehler.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25 (Kafejo Elsahof), Mo (l) 19-23 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.